Esperanto servu pacon!

AKTUALE

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1976/77 N-5(38) Januaro

## ĈU ESPERANTO ESTAS NURA ILO?

"Jes, ĝi estas instrumento kaj nenio pli" - asertas D.Blanke en sia tre interesa artikolo - respondo al letero de J.Ojalo (vidu ambaŭon en "der esperantist" N-5, 1976). Fakte la du samideanoj daŭrigas la ardan disputon inter raciistoj kaj revuloj, kiu delonge balancas nian verdan ŝipon. Vi certe memoras, ke mem Zamenhof minacis forŝiri de sia brusto la stelon, se lian verkon Esperanto oni uzos senidee, nur por la praktikaj celoj. J.Ojalo defendas kelkajn ideojn de Zamenhof, esprimitajn en "Esperanto en perspektivo", aldonante, ke lin, Ojalo, persone allogas al Esperanto ne la eblecoj "aĉeti-vendi" varojn, pasigi la tempon babilante anstataŭ kartludi, sed pleje kaj primare pro la internaciisma atmosfero, kiun la esperantistoj kunportas al siaj kongresoj.

Tiun modestan aserton Blanke renkontas kanone, ĉar por li la letero estas, ŝajne, longe atendita preteksto frakasi la "internan ideon". Mi ne estas idea adepto de Zamenhof, tamen ankaŭ kontraŭ mia amiko D.Blanke mi intencas disputi, ĉar ekstremisme asertante ke Esperanto estas nura ilo, eĉ instrumento, li faras tion, kontraŭ kio nin avertis K.Marks - kune kun la akvo elverŝas la infanon.

La asertoj de Blanke ŝajnas ne nur ĝustaj, sed eĉ nerefuteblaj, ĉar li bazas sin sur la agnoskitaj principoj de marksismo. Dubon elvokas nur la aksiomo, kiu ĉion subtenas: "Esperanto estas nura lingvo kaj nenio pli". De tio jam aŭtomate sekvas, ke ĉio ĝusta por lingvo nacia rilatas same al la Lingvo Internacia. Blanke preterlasas la konatan marksisman regulon pri transiro el kvanto al kvalito.

Nacia kaj internacia - ĉu diferenco estas nur en la prefikso? La sciencaj ideoj estas internaciaj (nur Hitler povis paroli pri germana fiziko), ĉar la scienco apartenas al la homaro, tamen kulturo estas ĉiam nacia - germana, rusa ktp. Same pri la lingvoj - ĉiu el ili (krom Esperanto) apartenas al certa popolo.

Por strukturaj lingvistoj kaj cibernetikistoj lingvo estas simple sistemo, funkcianta kiel instrumento - ne gravas, ĉu ĝi estas homa aŭ maŝina. Tamen ili esploras nur unu el ĝiaj ecoj, nome - la informan. Sed lingvo ne estas nura instrumento, ilo; ĝi estas fenomeno multeflanka, kaj la lingvon en ĝia tuto pli esprimas poetoj, sed ne sciencistoj, kiuj ne povas ne rigardi ĝin nur de unu el ĝiaj flankoj. Kaj kion diras elstaraj poetoj? Ili ofte substrekas unuecon inter lingvo kaj kulturo, eĉ pli - inter la unua kaj la sorto de ĝia portanto. Dum tre malluma periodo de nia historio la granda rusa verkisto I.Turgenev kredis je hela estonto de sia popolo - li apogis sin sur ecoj de la rusa lingvo. Ne povas esti, skribis li, ke tiu lingvo ne estas donita al vere granda (ruse: velikij) popolo. Nu, eble oni akuzos la verkiston pri la mistikemo - li vivis ja en la pasinta jarcento - sed kiel kompreni jenan verslinion de la fama soveta poeto Rasul Gamzatov: "Kaj se formortos morgaŭ mia lingvo, mi pretas jam hodiaŭ morti mem"? Pro kio tia zorgo pri la malgranda avara lingvo? Ĉu ne pro tio, ke ĝi estas por la poeto la gepatra, do la plej kara? Mi dubas, ke la ekzemplojn oni povas klarigi, bazante sin sur la principo "Lingvo estas nura ilo". Ne, ne estas - nek nacia, nek internacia.

Ĉiu lingvo estas portanto de la nacia kulturo. Lenin substrekis, ke ekzistas du kulturoj en ĉiu kulturo, kaj rememorante ke la germanan lingvon uzis kaj E.Thälmann kaj A.Hitler, ni ankoraŭfoje pruvas la ĝustecon de tiu eldiro. Kaj kion esprimas Esperanto? Ĉu vere ĝi estas same malvarma indiferenta ilo kiel la alfabeto de Morze? Kun bedaŭro mi devas transiri al komparo kun lingvoj naciaj, ĉar alia vojo al pruvoj pri Esperanto dume mankas.

Mi ekzemplas. B.Pasternak brile tradukis "Faŭston" de Goethe, enspiris en ĝin rusan animon. La rusa kulturo ekposedis valoraĵon, tamen aliaj nacioj de tiu fakto gajnis nenion. Kaj kio okazas, kiam bona E-poeto esperantigas (sukcese!) mondan ĉefverkon? Gajnas la tuta homaro, ĉar potenciale la traduko povos atingi kaj la cerbon kaj la koron de ajna terano - nur ellernu li Esperanton!

"Pro kio Esperanton? - povas demandi iu flanka homo. - Se la sama "Faŭsto" aperos en bona angla traduko, ĝin legos ja pli multaj". Tamen ĝisfunde ĝuos la verkon nur la angloj kaj usonanoj, ĉar ekzistas limo por ekposedo de ajna lingvo ekster ties lando. Kaj nur Esperanton oni povas mastri kiel la gepatran lingvon!

Jes, kara Blanke, mi asertas, ke "Sinjoro Tadeo" de Grabowski kaj "Infero" de R.Rossetti estas eroj de internacia kulturo. Ne, internacia kulturo ankoraŭ ne ekzistas - pro tio pri ĝi ne parolis miaj grandaj marksistaj filozofoj. Tamen ĝi konstruiĝas jam kelkajn jardekojn, kaj Esperanto estas lingva formo de tiu kulturo. Tio estas dialektika proceso. La traduko de "Infero" en Esperanto estas samtempe kaj nacia, kaj internacia (same kiel la pasternaka "Faŭsto" estas kaj germana kaj rusa).

Do, esperantigante literaturaĵojn oni kreas eron de la estonta internacia kulturo. Faciligante kontaktojn inter ordinaraj homoj - kamparanoj kaj laboristoj - eĉ neprogresivaj samideanoj faras objektive progresivan laboron: proksimigas la belan estonton, kiam, laŭ profetaĵo de A.Puŝkin, "popoloj forgesos la malamikecon kaj unuiĝos en unu grandan familion".

Kompreneble la Lingvo Internacia ne estas la sola kaj eĉ ne unuegrada forto, kiu movos la homaron laŭ la hela vojo al estonto. Tamen la komunistoj ofte substrekas, ke la paco sur nia planedo ne povas esti sen interkompreno de simplaj homoj - do ĝuste tiuj, kiuj plej multe bezonas Esperanton, ĉar kia interkompreno sen simpla kompreno?

Finante mian artikolon, mi vidas, ke ĝi ne estas same scienca, kiel tiu de Blanke - eĉ male. Tamen sciencaj konkludoj venas post esploro de praktiko, sed internacia kulturo kaj ĝia lingva esprimilo estas ankoraŭ junaj - por konkludoj tempo ankoraŭ ne venis. Tamen la instrumenta, aŭ ila flanko de Esperanto ne estas sola substrekenda. Karl Marks skribis, ke la revolucioj estas akuŝistinoj ĉe la historio, kiam malnova sociordo gravedas per la nova. Al mi ŝajnas, ke nun la homaro, kiu laŭ la objektivaj socileĝoj proksimiĝas al komunismo, naskas la mondan kulturon, kaj Esperanto almenaŭ faciligas tiun naturan proceson - kaj jam pro tio ĝia historia rolo estas vere revolucia.

Vi pravas, Blanke, ke ekzistas internaciisma sento eĉ sen lingva interkompreno - ekzemple, inter diverslandaj komunistoj. Mi povas aldoni, ke en la tridekaj jaroj kelkaj germanaj "samideanoj" uzis Esperanton por faŝisma propagando. Tamen la komunistaj kongresoj levis demandon pri Lingvo Internacia, sed Hitler ĝin kondamnis en "Mein Kampf".

Pruvas ne apartaj ekzemploj kaj provizoraj devioj, sed la historiaj tendencoj. Kaj la lastaj montros progresivecon de nia movado, ĝian kongruon kun la komunismaj idealoj. En la historia proceso nia lingvo ne estas indiferenta - efikas ĝiaj demokratismo, internaciismo, kiuj apartenas al la plej fundamentaj ecoj de Esperanto.

A.Ĥarkovskij (Moskvo).

LA HISTORIAJ MATERIALOJ DE J.PETRULIS NE PERDIĜIS!

En la artikolo "Ni zorgu nian historion" ("A"-2, p.35) D.Cibulevskij skribis, ke post la morto de la estinta fakestro pri historio J.Petrulis la kolektitaj de li materialoj estis perditaj. Fakte ĉiuj manuskriptoj de J.Petrulis estis aĉetitaj de Respublika Biblioteko de Litova SSR kaj estas deponitaj en ĝia manuskripta fako. Mi kun s-ano K.Puodenas pasintsomere vizitis tiun fakon kaj ekvidis, ke la materialoj, inkluzive la priesperantajn, estas zorge ordigataj kaj atingeblaj por ĉiuj interesiĝantoj. Bedaŭrinde miaj multfojaj instigoj uzi tiujn materialojn kaj fari historiajn raportojn almenaŭ dum klubaj kunvenoj restis preskaŭ sen reeĥo. Mi pensas, ke estus utile skribi al la Biblioteko kun iuj konkretaj demandoj pri iuj historiaj personoj aŭ eventoj, menciante, ke tiuj faktoj povas esti troveblaj en manuskriptoj de J.Petrulis. Skribu en la rusa lingvo laŭ la adreso: 232000 VILNIUS, Lenino prosp. 51, Respublikanskaja Biblioteka, Otdel rukopisej.

La historio pri la heredaĵo de J.Petrulis estas instrua por ĉiuj. Li estis membro de PALK (Provizora Arkiva Labora Komisiono, se mi bone deĉifris), kiu en siaj bultenoj konstante agitis pli maljunajn esperantistojn transdoni aŭ testamenti siajn E-literaturon kaj dokumentojn al pli junaj esperantistoj aŭ al publikaj bibliotekoj. Fari tion mi agitis ankaŭ s-anon J.Petrulis - iam nerekte dum klubaj kunvenoj, iam ankaŭ rekte persone. Unufoje li eĉ diris, ke li testamentos siajn librojn kaj aliajn materialojn al la Respublika Biblioteko. Tamen li tion ne faris, kaj post la morto ĉion heredis lia estinta edzino (kun kiu li ne ordigis la juran divorcon kaj tial ŝi estis sola laŭleĝa heredantino). La manuskriptojn ŝi vendis al la Biblioteko, sed la librojn - ne, ŝajne pro agitado de kelkaj esperantistoj, kiuj deziris mem akiri ilin. En la listo de libroj, inkluzive kolektojn de revuoj, estis 606 pozicioj, inter ili tre unikaj libroj. Kio al ili okazis aŭ okazos, vere ne estas konata.

Kio koncernas la historion en la ĉefa senco de la vorto, ni devas t u j kaj s e n k o n d i ĉ e fini la "kriadon en dezerto". Agitado de niaj veteranoj daŭras jam multajn jarojn, sed la rezulto estas tre mizera. Ni devas konscii, ke ekzistas vere gravaj kaŭzoj, pro kiuj niaj veteranoj detenas sin de skribado de siaj rememoroj. Ili foriras unu post alia, forportante tre gravajn faktojn, pri kiuj jam nek ni, nek niaj postaj generacioj ion ekscios. Tial ĉiu, kiu pli-malpli scipovas movi skribilon, iru t u j al sia konata pli aĝa samideano kaj paroligu lin pri pasintaj tempoj simple, kvazaŭ nur pro sia propra scivolemo; ĉion bone enkapigu kaj post reveno hejmen tuj surpaperigu. Mencio de historiaj celoj, tuja skribado, magnetofono k.s. timigas iujn personojn, kaj ni evitu tion. La plej grava periodo, kies faktoj minacas tute malaperi, estas tiuj jaroj, dum kiuj SEU fakte likvidiĝis (tamen, laŭ iuj asertoj, ĝi neniam estis likvidita). Neniu deziras rememori pri malĝojaj faktoj, des pli skribi pri ili. Tamen ni devas pacience, kun saĝa taktiko kolekti apartajn konkretajn faktojn, kiuj kune ebligus respondi tre gravan demandon: ĉu estis ia kulpigo al SEU, ĉu ĝia likvidiĝo okazis kiel flanka fenomeno de pli gravaj tiutempaj eventoj?

Pri ĉiuj aliaj periodoj de nia historio ekzistas pli aŭ malpli da diversaj dokumentoj. El la prospera periodo de SEU restis multaj revuoj ("Meĵdunarodnij jazik", "Vojo de Klerigo", "Pedagogia Revuo", "Sur la Posteno" k.a.), restis la Statuto (ekzemple, en Biblioteko de Saltikov-Ŝĉedrin en Leningrad), restis libroj. Pri SEJM ankoraŭ longan tempon kaj en multaj lokoj de nia lando rakontos "Aktuale", "Juna Esperantisto", "Unuiĝo", bultenoj pri SEJToj, BETo j ktp. Certe, ni devas zorgi, ke tiuj dokumentoj estu ordigitaj kaj analizataj laŭ historia vidpunkto, ke la historio de E-movado en nia lando e s t u v e r k a t a , kiel tion komencis fari nia karmemora J.

Petrulis.

Tamen antaŭ ĉio alia ni devas kun arda fervoro kapti tiujn historiajn erojn, kiuj antaŭ niaj okuloj flugas foren kaj neniam revenos.

A.Vaitilaviĉius (Vilnius).

## SE VI INTERESIĜAS PRI LA HISTORIO

Laŭdinda estas la artikolo de D.Cibulevskij "Ni zorgu nian historion". Estas ankaŭ grave, ke personoj kolektantaj, prilaborantaj aŭ skribontaj la historion en apartaj urboj, respublikoj, anoncu sin. Ĉu ankaŭ en "Aktuale" oni publikigu de tempo al tempo diversajn informojn, petojn, anoncojn, kiujn sendos la "historiistoj" de nia movado? (Kompreneble, jes! - La red.) De mia flanko mi tre petus ĉiujn, kiuj posedas materialojn pri E-movado en Ukrainio (prefere ĝis 1960), informi min pri ties enhavo kaj, se eblas, sendi por kopiado.

Dum mia vizito al GDR mi havis okazon interparoli kun fervojisto el Schwerin, kiu posedas materialojn pri la kontaktoj inter germanaj laboristoj - esperantistoj kaj laboristoj el Krasnij Sulim (Norda Kaŭkazio). La materialoj estas taŭgaj por eluzo en gazetaro. Mi volonte sendos fotokopiojn kaj 3 fotojn por la persono, kiu serioze traktas similan demandon. Ankaŭ la fotoj estas interesaj (kunveno, grupa foto ktp.) kaj teknike bone faritaj, kaj atendas sian esploronton.

Jaroslav Matvijiŝyn (Kiev-1, do vostrebovanija).

## REJK: 1972 - 1977

En februaro de 1977 nia junulara E-klubo retrorigardos sian kvinjaran laborperiodon. Retrorigardu kun ni ankaŭ la legantoj.

Kiel ĉiu komenco, ankaŭ la nia estis tre malfacila - tute mankis sperto, E-literaturo, pli-malpli konstanta klubejo. Komence nia junulara klubo, sub la gvido de G.Slavinskis, portis pompan titolon "Inferfajroj". Tamen ĝi ne respondis al la postuloj de tempo, estis akre kritikata de la plej spertaj samideanoj; ĝi estis ankaŭ ne tro konvena por granda kaj serioza laboro - unuigo de la junulara movado en Riga, ne tauga por oficiala prezento antaŭ la urba komitato de Komsomolo.

Post la eksprezidantiĝo de G.Slavinskis fine de 1972, la klubgvidadon estis devigata transpreni la aŭtoro de ĉi tiuj linioj. Multaj gejunuloj, entuziasmigitaj per la ideo de Internacia Lingvo, eniris nian klubon kaj... forlasis ĝin, kiam ili ricevis jam la unuan seriozan taskon, kiam devis komenci lerni nian lingvon. Ili neniel povis kompreni, ke E-klubo signifas ne nur amuzojn, gajajn elveturojn, sed ankaŭ seriozan laboron. Samtempe la klubagadon partoprenis ankaŭ tiaj gesamideanoj, kiuj komprenis la signifon de Internacia Lingvo, estis pretaj batali pro ĝiaj idealoj. Tiaj estis A.Buŝs, A.Silkalne, L.Berzina-Berce, G.Stakione - jen la bazo, sur kiu ni apogis nin dum nia malfacila laboro.

Gvidante nin laŭ la celo de nia junulara klubo - unuigi la junularan movadon en Riga, ni proponis kunlaboron kun la dua junulara E-rondeto "Radieto", kiun tiutempe gvidis A.Medinŝ kaj kiu travivis malfacilan tempon - la plej aktivaj ĝiaj anoj estis devigitaj retiriĝi de aktiva E-agado aŭ pro familiaj kaŭzoj, aŭ pro studaferoj.

Ni havis komunan eksteran platformon en la socialisma konkurado de la SEJM-kluboj. Ĝia ĉefa tezo estis jena: "En Riga ekzistas junulara klubo, kiu havas du sekciojn - studentan (la nia) kaj laboristan ("Radieto", kiu fakte konsistis el du-tri gekamaradoj, el kiuj aktive laboris nur unu, la aliaj pliaktiviĝis nur por kelka tempo laŭ siaj eblo)". Ĉi tiu nia strategio donis bonajn rezultojn:

anstataŭ du kluboj, kiuj aparte okupus lokojn nur ie de la 5-a ĝis la 10-a, ni regule okupadis la 3-an, kaj lastatempe eĉ la 2-an. Nia propono ĉesigi la formalan kunekziston de du junularaj kluboj, el kiuj fakte ekzistas nur unu, estis finfine akceptita nur en aŭgusto de 1975. Danke al tio nia klubo akiris spertan esperantiston, longjaran aktivulon de E-movado - A.Medinŝ. Kaj al li, kiel la plej sperta klubano, estis komisiite transpreni la oficialan klubgvidadon. Post unu jaro al la kluba prezidanteco revenis la aŭtoro de ĉi tiu artikolo.

En 1974 estis oficiale proklamita la nova kluba titolo, kiu anstataŭis la malnovan - "Riga Junulara E-klubo". Estis verkita kaj akceptita la provstatuto de REJK, kiu validas ĝis nun.

Nia laboro dum la kvin laborjaroj estis impona: ni faris grandan informan laboron, okulfrape leviĝis la lingvonivelo de niaj geklubanoj. Estis farita serioza laboro - dum kvar jaroj nia klubo eldonis la informkajeron "Akordo", kiu poste transformiĝis al "Informa kolekto"; estis verkitaj proksimume 20 priesperantaj artikoloj far niaj klubanoj; multfoje okazis disaŭdigoj pri nia agado far lokaj radiostacioj kaj Pola Radio; estis verkitaj valoraj sciencaj referaĵoj - diplomlaboro kaj kelkaj studentaj kurslaboroj. Regule okazas niaj klubkunvenoj, vesperoj kaj E-kunflugoj "Ora Folio", "Neĝfloketo", "Renkontiĝoj Tallinn - Riga" kaj ankoraŭ multo alia.

Nia junulara klubo kuraĝe transpaŝas la sojlon de la sekva kvinjara periodo.

T.Barcis, la gvidanto de REJK dum la agadjaro 1976/77.

## KIO OKAZAS EN KIEVO

Lastsomere, kiam multaj anoj de nemultenombra kieva klubo "Ora pordego" feriis, niaj kunvenoj estis plene dediĉitaj al unu temo: kiel fari niajn kunvenojn interesaj? Kaj jen kion ni naskis: du niajn horojn dispecigi je kvar partoj! 1.Interŝanĝo de novaĵoj (19.00 - 19.30); 2.Organizaj demandoj (19.30 - 20.00); 3.VEU (20.00 - 20.30); 4.Diversaĵoj (20.30 - laŭbezone).

Ĉe multaj povas aperi demando: kio estas VEU? Vespera E-universitato. Preskaŭ la samon, ŝajne, faras rigaaoj. Dum ĉiu nia kunveno iu klubano prelegas pri iu temo. Listo de la prelegoj estis kompilita septembre, kaj ekde oktobro la universitato ekfunkciis. Estas elektita la rektoro - V.Miŝĉenko. Jam okazis prelegoj pri: Ido (partoprenis ĝin la sola kieva idisto B.Aaronov), fundamentaj fortoj de la naturo, Ŝostakoviĉ, defendo de la medio, nuntempa politika situacio, 39-a Bulgara E-kongreso, Ĉernigov - antikva monumento, riĉeco de Esperanto. Nun jam estas preskaŭ preta listo de la prelegoj por la dua duonjaro.

Unu el niaj kunventagoj, la 15-an de decembro, estis plene dediĉita al Zamenhof. La vesperon partoprenis pli ol 30 personoj, inkluzive la komencantojn. Venis grupoj de komencantoj el la Konservatorio (gvidantino J.V.Majburova) kaj el la Universitato (gvidantino O.Kerzjuk). Post mallonga prelego pri Zamenhof (A,Sakoviĉ) kaj diversaj interesaj sciigoj (M.Lineckij, V.Miŝĉenko) okazis arta parto, kiun kontribuis plejparte la komencantoj. Estis plenumitaj kantoj, scenetoj, versaĵoj ktp.

Priskribante la E-staton en Kievo, mi volas konstati, ke la klubo poiomete fortiĝas: mi jam ne agas sola, kiel antaŭe, sed helpas min la novaj aktivuloj - M.Mamedov (dum la Zamenhofa vespero li, kiel la plej aktiva membro de "Ora pordego", ricevis donace la libron "Nuda inter lupoj"), O.Kerzjuk, J.Kovalĉuk, A.Sakoviĉ, S.Bolotov k.a. Kiel agas la klubo, estas videble el la rezultoj de la socialisma konkurado: 1974 - la 32-a loko; 1975 - la 25-a; 1976 - la 23-a.

En Kievo post 1971 (en tiu jaro okazia la 13-a, internacia SEJT) la kondiĉoj por disvolvo de E-movado estas vere tre malbonaj: disfalis la E-Komisiono ĉe la Societo de amikeco, estas forigita la E-sekcio el Domo de Sciencistoj, neniu el la oficialuloj helpas nin. Kaj kun "blanka" envio mi legas en "Kurte" pri Panevеĵis, Kedainiai. .

Tial ni iomete ŝanĝis nian direkton. Atentaj legantoj de "Kurte" evidente legis en N-4 la unuan anoncon "Sendu tuj". Jes, vere, dank' al niaj penoj aperas E-klubo. Kiam ni vizitis la lernejon (proksimume 50 km de Kiev), mi rakontis pri SEJM, pri la aktivuloj kaj tiam ni decidis aranĝi la letervesperon. Bedaŭrinde, tro malfrue aperis la anonceto - la gelernantoj ricevis nur unu gratulkarton de "Juneco"... Mi intencas ripeti la aranĝon. Pri dato de nova letervespero legu en "Kurte". Karaj E-gefratoj, helpu, kiu kiom povas...

Interalie, en materialoj, ricevitaj de UEA, estas listo de stratoj, placoj el tuta mondo, portantaj nomojn Zamenhof aŭ Esperanto. En la listo estas menciitaj 8 sovetiaj urboj, kie estas 9 stratoj (stato al la 1-a de januaro 1969): 1) Barnaul; 2) Bogorodsk (Gorkia provinco), strato de esperantistoj - 1962; 3) Kaunas, Z-str. - 1925; 4) Kazlu Ruda, E-str. - 1960; 5) Liepaja, E-str. - 1932; 6) Tbilisi; 7) Veisiejai, E-str. - 1964 kaj Z-str. - 1964; 8) Vitebsk, E-str. La listo tre mirigis min. Ĉu vere tio estas? Esperantistoj el la menciitaj urboj, bonvolu konfirmi tion, ni tre petas!

M.Lineckij, prezidanto de "Ora pordego".

## PRI PROFITOJ

Multaj geesperantistoj laboras en la SEJM-kolektivo por unu komuna celo - oficialigi Esperanton en nia lando kiel rimedon de internacia komunikado por propagandi la komunismajn idealojn, por la kultura kaj scienc-teknika interŝanĝo ktp.

Mi ne citu ĉi tie plurajn tute leĝajn formojn de nia laboro kaj diru nur pri unu el ili. Por subteni finance niajn iniciatojn, multaj (sed ne ĉiuj) E-kluboj prenas de siaj anoj tute libervolan malgrandan mondonacon. Alia fonto estas pagataj E-kursoj, koncertoj ktp., kiam mono por subteni la laboron de E-kluboj venas de neesperantista publiko. Estas tute nature por progreso de Esperanto profiti je kosto de neesperantistoj.

Bedaŭrinde, en la lastaj jaroj kreskas iom alia tendenco: profiti por bonoj de iuj apartaj kluboj je kosto de aliaj E-kluboj aŭ apartaj esperantistoj. Praktike oni realigas tion, vendante iujn E-varojn je prezo pli alta ol ĝi devus reale esti. Ekzistas okazoj, kiam tiu plialto atingas eĉ 50%. Mi ne volas diri konkretajn ekzemplojn, ĉar a) ĉiu esperantisto povas rememori tiujn faktojn ĉu en SEJToj, ĉu aliloke; b) oni entiriĝis en tiun aferon nerimarkite. Tamen mi promesas doni konkretajn akuzojn, se la afero ne ĉesos.

La priparolata afero malbone influas malfortajn E-klubojn kaj komencantajn geesperantistojn. La malfortaj E-kluboj devas ĉiam pli elspezi je favoro de pli fortaj (kaj entreprenemaj) kluboj. La komencantaj geesperantistoj, ne orientiĝante, suspektas spekulacion.

En la komenco de SEJM ni ne havis ion similan. Ekzemple, senpagaj esperantaĵoj estis ĉiam senpage disdonataj aŭ dissendataj.

Laŭ mia opinio, sole senreciprocaj estas la tendaraj profitoj, ĉar ili estas uzataj por bono de ĉiuj E-kluboj. Ankaŭ tiaj entreprenoj, kies profito iras rekte al SEJM, devas havi certajn limojn.

A.Gonĉarov (Barnaul).

---

KOREKTO. En "A"-4 (p.43) kulpe de la redaktoro aperis eraro, ke E-informon enhavas la franca eldono de MN: fakte nur angla kaj hisp.

DENOVE PRI USEA

Iom da historio por komenco. Dum la 10-a SEJM-Konferenco estis decidita fondo de la nova Suda regiono, kaj la tendara regiona kunveno antaŭdecidis aranĝi la aŭtunan regionan renkontiĝon en Ĥarkovo. (Ĉu? Ja M.Belogolovskij, kiu respondecis pri la regionaj kunvenoj, diris en la tendaro, ke Suda regiono nenion certan pri tia renkontiĝo decidis. - La red.)

Baldaŭ venis la tempo por la unua Sudregiona renkontiĝo - la novembraj festotagoj. Rostova okpersona grupo venis al la dua urbo en Ukrainio kaj estis tie afable renkontita kaj kondukita al la plej bona en la mondo monumento de Taras Ŝevĉenko.

Koran dankon ni esprimas al la organizantoj por la donita al ni eblo denove vidi la karajn vizaĝojn de gesamideanoj, perfektigi dum diversaj interparoloj niajn lingvonivelojn, kunatiĝi kun vidindaĵoj de iama ukrainia ĉefurbo, ĝia kultura vivo.

Kaj jen ni ĉiuj venis al la ĉeurba vilaĝeto Zmijov, kie okazis la plej serioza programero de la renkontiĝo - nome la konferenco. Sed ĝin ni, rostovanoj, partoprenis nur gaste, ĉar konferencis USEA. Ni, kiel ne USEA-anoj, ne estis egalrajtaj dum la konferenco kun ĉiuj aliaj, sed iĝi USEA-anoj ni ne povas pro du kaŭzoj: unue - ni ja estas la klubo (sed ne unuopuloj, kiujn unuigas USEA), kaj due - ni ne apartenas al Ukrainio.

Ĉu ne ŝajnas tiu situacio iom stranga, des pli post la SEJM-Konferenca decido? Kaj kiun eliron el la situacio ni trovu? Ĉu ni plu partoprenu gaste niajn regionajn renkontiĝojn okazontajn en Ukrainio, aŭ ni ĉiuj urĝe iĝu unuopuloj kaj transloĝiĝu al iu ajn ukrainia urbo - por iĝi USEA-anoj? Kiel ni kunlaboru kun aliurbaj E-kluboj regionskale?

Demandoj multas, respondoj mankas. Kiu kuraĝos respondi?

T.Kurepina (Rostov-Don).

OrSEJT-19 VIN ATENDAS!

Jam paŝas sur la tero la jaro 1977, en kiu la tuta progresema homaro celebros la 60-an datrevenon de Granda Oktobro. Ni, miassaj esperantistoj, fieras pri tio, ke oni konfidis al ni organizon de Orienta SEJT, dediĉita al la glora jubileo.

Venis jam tempo por informi la esperantistaron pri nia tendaro, pri la belaĵoj kaj interesaĵoj, kiuj atendos la partoprenontojn. Do komence pri Miass kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj.

Je 40 km de nia urbo troviĝas la geografia limo de du kontinentoj - Eŭropo kaj Azio. Miass estas la unua urbo en Azio, sed tiu ĉi fakto ne estas, certe, ĉefa rimarkindaĵo de nia urbo. Ni, miassanoj, fieras pri la ĉirkaŭaĵoj de la urbo, mirindaj pro riĉeco kaj beleco de ilia naturo. La fama verkisto Mamin-Sibirjak nomis nian teron "Urala Svislando" - kaj tio estas vero. Belegajn pejzaĝojn vidas ĉiu alvenanta al Miass. La Ilmenaj montoj, kovritaj per densaj verdaj arbaroj, ĉirkaŭas la urbon. Inter la montoj etendiĝas dekoj da lazuraj lagoj. Riĉegajn mineralojn kaj metalojn, unuavice - oron, enhavas la montaj internaĵoj. Danke al elterigo de la valora metalo nia urbo ricevis alian figuran nomon - "Ora valo".

Gloron al Miass donas la unika Ŝtata Ilmena mineralogia rezervejo, kiun oni nomas "Ŝtona deponejo de la tuta mondo". En tera internaĵo de la rezervejo troviĝas pli ol 200 specoj de mineraloj. Tio estas kvarono de ĉiuj mineraloj de la mondo. 30 el ili estas unuafoje trovitaj en Ilmenoj.

Je kelkaj kilometroj de la urbo, inter bluaj montoj kaj rokoj majeste etendas siajn vastaĵojn "perlo de Suda Uralo" - la lago

Turgojak, kiu aŭdacas konkuri kun mem Bajkal pri sia diafaneco.
Sur bordo de la lago, en densa pina arbaro kaŝas sin Pugaĉova kampeto. Laŭ legendo, en majo 1774 sur tiu ĉi loko bivakis la taĉmento de Jemeljan Pugaĉov, la glora gvidinto de la ribela popolo. Ekscitas fantazion la legendo pri tio, ke Pugaĉov, retiriĝante pro ofensivo de la cara armeo, ĵetis en la lageton Inyŝko - malgranda najbaro de Turgojak - barelon kun sia ora trezoro. Ĝis nun ne troviĝis feliĉulo, al kiu la lageto malkaŝus sian sekreton.

Jen tiu ĉi fabela loko pretas akcepti por dek tagoj la partoprenontojn de OrSEJT (vera Ora SEJT!).

Same kiel antaŭe, antaŭ la tendaro estas planata Paroliga Periodo. Novaĵo en PP estos tio, ke ĉiuj paroligaj grupoj harmonie konsistos kaj el komencantaj esperantistoj, kaj el spertuloj. Tio certe kontribuos al pli sukcesa paroligo de la novicoj.

Kiel pasintjare, ĉiuj grupoj laŭ apartaj vojplanoj marŝos dum tri tagoj (lokajn turistajn gvidantojn por ĉiuj grupoj ni garantias), kaj dum la postaj sep tagoj estos efektivigata la tendara programo.

Krom la tradiciaj programeroj (lingva instruado, prelegoj, Neptuna festo, naskiĝfesto k.a.), ni planas ankaŭ novajn: belartan konkurson "Oriento-77", vesperon "Malakita skatolo", ridan vesperon, ekskurson al Ilmena mineralogia rezervejo, ŝipekskurson laŭ Turgojak. Kiel tre gravan aranĝon ni konsideras la mitingon, dediĉotan al la 60-jara jubileo de Granda Oktobro, ĉe la monumento de 96 Karabaŝaj laboristoj, pereintaj por Soveta potenco.

Finante tiun ĉi skizon pri OrSEJT-19 (la informaj bultenoj, la detala programo kaj la listo de tendaraj laboroj aperos en sekvaj numeroj de "A"), mi transdonas peton de Prepara Komitato al ĉiuj partoprenontoj de OrSEJT. Sendu senprokraste sciigojn pri eventuala partopreno (kluboj kaj grupoj - prefere kolektive) laŭ la adreso: 456304 Miass-4 Ĉeljabinskoj obl., pr. Avtozavodcev 24 - 34, Koptjaginoj Tatjane Aleksandrovne.

Orienta SEJT-19 atendas vin, karaj geamikoj!

L.Novikova, membro de Prepara Komitato de OrSEJT-19.

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

GRANDA ARTIKOLO APERIS EN MURGAZETO

eldonata en la ĉefa teknologia fako de la uzino "VEF". Ĝi rakontas pri la tutmonda E-movado, aparte estas menciita la agado en Latvio kaj tutsovetiaj aktivecoj. La aŭtoro - inĝeniero V.F.Tolpeĵnikov - vaste rakontas ankaŭ pri la junulara movado kaj invitas studi Esperanton, proponante la adreson de la korespondа kurso de D.Kolker.

S.Neilande (Riga).

KONTAKTON KUN EKSTERLANDO

serĉas grupo de infanoj, kiuj komencis studi E-on. Dezirinda por ili estas E-materialo por infana lernado. La adreso de la gvidanto: Norbert Karbe, 8312 Heidenau, Siegfried-Rädel-Str. 16, DDR.

Informis J.Matvijiŝin (Kievo).

DANKESPRIMO

Ne havante eblecon respondi aparte al ĉiuj multenombraj gratuloj, venintaj okaze de la apero de la filo, la familio Bronŝtejn tutkore dankas ĉiujn gratulintojn.

EN LA SEKVA NUMERO

aperos statistikaĵoj pri SEJT-18 kaj BET-17

---

La informilo estas uzenda nur enlande! Fintajpita 19.1.77.
Ĉiujn materialojn por "A" sendu al: 121019 Moskvo d/v, Aroloviĉu V.S.